„Mutig vorwärts!“ **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!“

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Int. Esperanto-Muzeo kaj Aŭstria Esperanto-Asocio**

[J]arabono (komencebla ĉiumonate) por Aŭstrio $ 4.60, [p]agebla ankaŭ en partpagoj (1/2 j. $ 2.35, 1/4 j. $ 1.20), [al]iaj landoj sv. fr. 3.75; **ponumere 45 g** (1 resp. kup.).

Aperas la 5. de ĉiu monato. **Redakcio kaj administracio**: Wien I. Neue Burg (Tel. R27-803). Manuskriptojn ni nur resendas kun reafranko. **Poŝtŝparkaso-konto D-123.826**.

**Ne ĝustatempa malmendo de nia gazeto devigas al plupago de la jarkotizo por la sekvonta jaro.**

[N]-ro 11 (124 en la vico). Wien, la 5. de novembro 1935. 12. jaro

## PER BICIKLO POR ESPERANTO.

### Vojaĝo de s-ano Max Rudolf Frey,

kiu kune kun s-ano Siem de Waal el Nederlando per biciklo kiel **„speciala propagandisto por nia 28-a“** travojaĝis kelkajn landojn.

Palermo, 12. aŭg.

### 1. letero.

[Kara] Esperante, ke vi nun denove atingis [e]n plena saneco nian belan hejmurbon [k]aj ke vi retrovis trankvilon kaj ripozon [p]ost la sufiĉe streĉigaj kaj lacigaj [k]ongreskunsidoj, mi kuraĝas ĝeni vin [p]er ĉi tiu letero.

Ho! Trankvilon kaj ripozon mi skribis, [f]orgesante por momento, ke vin en Vieno atendas amasego da laboro [p]or la sekvonta kongreso. Nur nun, [v]idinte la 27-an en Italujo, mi perfekte [p]ovas kompreni, kiom da malfacilega [l]aboro vi havos, organizante nian 28-an. [S]ed la ĝis nun jam faritaj paŝoj de vi [k]lare montras, ke vi sukcesos, eĉ suk[c]esegos. La lasta numero de »Aŭsrria Esperantisto« ja estas unika. Interpa[r]olante kun diversaj kongresanoj mi [o]ojegis aŭdi ĉiaman laŭdon pri la el[d]ono de tiu numero. Multaj homoj [d]iris, ke certe ili venos al Vieno. Be[d]aŭrinde mi devas konfesi, ke la 27-a [k]omete seniluziigis min kaj multajn [a]liajn, al kiuj mi diris, ke ili ĝuste [d]evos veni al Vieno, por ke ili vidu [k]e la 28-a estas diferenca de la 27-a. [K]aj envere mi mem estas certega, ke [l]a venonta kongreso estos brila festo [e]sperantista.

Kiam mi vizitis hodiaŭ la lokan de[le]giton, li tuj, post kiam li aŭdis, ke [n]i estas el Vieno, montris al mi la [U]E kaj ĝojplene deklaris, ke li certe [p]artoprenos la 28-an, se . . . . li ne [d]evos soldatiĝi por Etiopio! Ke ankaŭ [mi] laŭdis kaj miris pri la jam nun tiel precize ellaborita programo, mi ja ne bezonas speciale akcenti. Mi vere ĝojas, ke mi havas tiom efikan varbilon por nia 28-a dum miaj paroladoj.

Hodiaŭ ni enŝipiĝos al Tunisio.

Vivu Esperanto, vivu nia 28-a!

Altestime via Max R. Frey.

### 2. letero.

Afriko, Philippeville.

Post streĉiga kaj malfacila biciklado ni hieraŭ vespere (19. aŭg.) atingis Philippeville. Tuj post kiam ni enveturis la unuajn stratojn de la urbo, nin haltigis policisto por legitimigi nin, kaj bonvolu imagi niajn ĝojon kaj surprizon, kiam li alparolis nin esperantlingve. Li petis nin, ke ni sekvu lin al la policejo, ĉar preskaŭ ĉiu vilaĝestro en Alĝerio postulas la pasporton de la traveturantaj fremduloj. Sed dank' al la letero de la franca konsulejo en Vieno, kiun mi ricevis baze de via afabla rekomendletero, oni ĉiam tre afable traktas nin kaj ni neniam bezonas longe atendi, eĉ ne kiam estas aliaj atendantoj en la policejo. La letero mem signifas bonan propagandon por nia afero, ĉar estas skribite en ĝi, ke mi vojaĝas kiel propagandisto de Esperanto kaj varbanto por la sekvontjara Esperanto-Mondkongreso en Vieno. Al proksimume 10 policestroj kaj doganistoj ni transdonis franclingvajn Esperanto-ŝlosilojn kaj ili montris grandan intereson por nia lingvo. Ni ambaŭ jam mem estas vivanta propagando, ĉar oni vidas, ke ni estas anoj de diversaj nacioj kaj tamen interkompreniĝas en Esperanto kvazaŭ en nia gepatra lingvo!

Ankaŭ en ĉi tiu urbo, kie oni nin afable akceptis en la ĉi tiea Esperanto-hejmeto ni havigas al la esperantistoj bonan propagandon por iliaj Esp.-kursoj dum la venonta vintro. Kun la delegito de UEA ni promenadis tra la urbeto, vestitaj ambaŭ en naciaj kostumoj kaj tiamaniere ni altiras la atenton de la preterpasantoj, tie kaj tie ni ekhaltas kaj tiamaniere nia akompananto ĉiam devas doni informojn pri nia „de-kie-veno“. Ankaŭ en la diversaj vendejoj, kie ni aĉetas ion, ni faras tiamaniere propagandon kaj fakte multaj jam promesis al la delegito sian partoprenon al la vintra E.-kurso, ĉar ili vidas, ke Esp. vere estas taŭga kaj praktika interkomprenilo.

Memkompreneble mi ne preterpasigas la okazon por propagandi inter la ĉi tiea esperantistaro por nia kongreso kaj fakte promesis jam kelkaj, ke ili certe venos al Vieno ....., se la diversaj cirkonstancoj tion permesos. Bedaŭrinde mi ne sukcesis igi ilin tuj aliĝi malgraŭ miaj klopodoj, sed espereble mi sukcesos hodiaŭ vespere, kiam ni renkontos la aliajn esp.-istojn de Philippeville. Ĉiuokaze mi lasos en la klubo sufiĉe da aliĝiloj.

Ankaŭ ĉi tie mi jam venis tro malfrue kun mia kongresnumero de AE, ĉar kelkaj gesamideanoj, kiuj partoprenis la italan kongreson, kunportis kelkajn specimenojn de AE, kiuj kuŝas sur la legotablo de la E.-hejmeto en Philippeville.

Mi promesis sendi antaŭraporton pri nia ĝisnuna vojaĝo, sed mi opinias, ke tio ne tre eblas. Estas vere, ke ni ĝis nun nur dum nia biciklado tra Tunisio kaj parto de Alĝerio multon eĉ multegon travivis. Niaj aventuroj komenciĝis jam en la haveno de Tunisio. Multajn malagrablajojn kaj malfacilajojn ni jam devis venki. Nur nun ni konsciis pri tio, ke nia entre-

La **Kongresgazeto** „Aŭstria Esperantisto“ aperos **de januaro 1936** en **3500** ekzempleroj, ĉiam **kun multaj bildoj!**

preno, veturi bicikle tra tiom da landoj estas ne nur tro grandskala sed ankaŭ sufiĉe danĝera. Antaŭ kelkaj tagoj mi tiom malsaniĝis, ke mi dum 2 tagoj devis litkuŝi en Bone kaj jam mi decidis tuj hejmenveturi, sed feliĉe la febro baldaŭ ĉesis, mi plene resaniĝis kaj nun ni iras kuraĝe antaŭen, propagandante kaj varbante por niaj kara lingvo kaj ideo esperantismo. Sen plialtigi la meriton kaj valoron de nia bicikl do poresperanta ni devas diri, ke ĝi vere estas unu el la plej efikaj propagandmanieroj.

Altestime Max R. Frey.

S-ano **Andreo Arcamone**, del. de UEA en Philippeville, Afriko, skribas:

Mi permesas al mi, vin informi pri la vizito de du sindonemaj pioniroj s-roj Frey el Vieno kaj Waal el Nederlando, lia kunvojaĝanto. Dum ilia por-esperanta vojaĝo ili diskonigis al ni la ĉefajn kaj tre interesajn ekskursojn, kiuj okazos okaze de la 28-a en Vieno. La programo vere estas alloga kaj majstre ellaborita. Ili eĉ varbis kelkajn Philippevillajn ges-anojn, kiuj promesis certan aliĝon al la 28-a. Nun ili daŭrigas sian propagandan vojaĝon, akompanataj de niaj sinceraj deziroj al sukceso.

Tre est. samcelano, mi petas vin je la nomo de la Philippevillaj s-anoj kaj en mia, akceptu niajn sincerajn gratulojn, kiujn vi plene rajtas pro via senĉesa sindonemo al nia internacia Verda Stelo. Al la organizantoj de la Viena Kongreso ni deziras, ke ĝi atingu la sukceson, kiun ĝi meritas.

Kun sinceraj salutoj via Andreo Arcamone.

Ni aldonas, ke ni ĝojas pri la bonega laboro de nia Max R. Frey. Multaj leteroj jam alvenis, kiuj same rekonas la jam faritan laboron kaj deziregas sukceson. Artikoloj de s-ro Frey sekvos. LKK de 28-a.

## Oficiala sciigo de la Akademio.

1. **Oficialaj vortradikoj,** aldonitaj al Universala Vortaro:

**Angoro**: a) malsaneca sento de sufoko kun korpremateco; sento de sufoko, kaŭzata de timego, maltrankvileco. (Quälende, Herzens-, Todesangst).

**Aperturo**: malfermaĵo (Oeffnung, z. B. Loch, Spalte u. ä.).

**Aplombo**: tre granda memfido; nekonsternebleco (Selbstbewußtsein, -sicherheit im Auftreten).

**Aŭguri**: diveni per esotera povo (weissagen).

**Aŭreolo**: a) luma rondo ĉirkaŭ la kapo de sanktulo ĉe pentraĵoj; b) prestiĝo (Heiligenschein; [fig.] Ruhmesglanz).

**Baleto**: teatra senparola danco kun muziko kaj mimiko (Bühnentanz, Schautanz, Tanzstück).

**Bankiero**: posedanto de banko. (Bankbesitzer).

**Honorario**: neperioda pago por servo, plej ofte de persono, kiu praktikas liberan profesion ekz. advokato, kuracisto (Vergütung, Entgelt für eine einzelne Leistung in einem geistigen Berufe).

**Koncesio**: oficiala rajtigo (amtliche Genehmigung zum Betriebe eines Gewerbes).

**Konduktoro**: oficisto, kiu akompanas publikan veturilon, ne kondukante ĝin, sed plenumante difinitajn devojn, koncerne ĝian funkciadon (Schaffner).

**Monotona**: a) unutona; b) enuiga kaŭze de manko je diverseco (eintönig).

**Strebi**: energie streĉi la fortojn de la korpo aŭ de la spirito por atingi ian celon (streben).

**Susuri**: eligi sonon malfortan kaj iom sekan, kiel de atlaso, silko, ĉifita papero, k. s. (rascheln, rauschen [Seide, Papier]).

**Ŝrumpi**: kuntiriĝi kvazaŭ de sekiĝo ([ein]-schrumpfen).

**Vizio**: imagata objekto, kiun aperigas aŭ Dia revelacio, aŭ iluzio de la vidosento (Erscheinung, Wahnbild, „Gesicht").

2. **Teknikaj vortradikoj,** enkondukitaj en la Komunan Vortaron.

**Arbusto** (botaniko): arbeto, kies trunko estas ligneca ĉe la bazo kaj herbeca ĉe la supro (Strauch)

**Gramofono** (akustiko): aparato, kiu per disko reproduktas sonojn (Sprechmaschine).

**Grego** (zoologio): kolekto da brutoj, birdoj aŭ da homoj (Herde).

**Ingredienco** (kemio): Ĉiu aparta substanco, kiu konsistigas miksaĵon (Bestandteil [einer Mischung, z. B. von Speisen, Medikamenten).

**Vinkto** (industrio): metala peco, uzata por ripari porcelanaĵojn, ktp. (Niet[e]).

**Vivisekcio** (anatomio): operacio, praktikata sur vivanta besto por studi fiziologiajn fenomenojn (Tierversuch, Vivisektion).

La prez. M. Rollet de l'Isle.

## Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio, 1935.

La enhavo de la 40-paĝa jarlibro: Statutaro, Interna Regularo, Nomaro kaj Adresaro de la L. K.-anoj, L. K.-anoj laŭ la lingvoj kaj ilia elirjaro, Akademio, Mallonga Historio de la Lingvaj Institucioj, Normigitaj naciaj diplomoj, Landnomoj, Oficialigitaj vortradikoj. — Ricevebla kontraŭ 2 fr. fr. ĉe Esp, Cenira Librejo, Paris.

**Oficiala tradukisto por Esp.**

Regiona Tribunalo en Rotterdam kreis oficon de „ĵurinta tradukisto por la lingvo Esperanto". Tiun oficon ricevis instruisto M. de Waard la 3. de oktobro.

Laŭ nia scio ankaŭ en Aŭstrio dufoje funkciis esp.-istoj kiel tradukistoj ĉe juĝejoj: kort. kons. Steiner en 1914 en Korneuburg kaj kort. kons. d-ro Wollmann antaŭ kelkaj tagoj en Vieno.




**Adreso**: Esperanto-Kongreso, Wien, Neue Burg, Aŭstrio.

**Kotizo en sv. fr.**: Nuna favorkotizo ĝis 31. de januaro 1936: 20.– sv. fr., por familianoj 12.50, por gejunuloj malpli ol 18-jaraj 8.25. Blinduloj senpage. La akompanantoj pagas kiel la kongresanoj.

**Avantaĝo de frualiĝo**: certa partoprenebleco en la ekskurso A, kies partoprenantaro estas limigita; pli bonaj sidlokoj en la teatraĵo „La blanka ĉevaleto" kaj pli bonaj tranoktigejoj en la hoteloj; ricevo de la kongresa gazeto „Aŭstria Esperantisto" jam de la aliĝo. La ĝis nun aliĝintoj jam ricevis la septembran numeron senpage.

**Aliĝis** jam 193 personoj el 19 landoj.

**Rabatoj** ĝis nun jam atingitaj: La aŭstriaj fervojoj donas 25 % rabaton por la veturado al la kongreso kaj returnen por ĉiu unuopa kongresano; krome por ekskursoj ankaŭ rabaton. Donaudampfschiffahrtsgesellschaft (la aŭstria ŝipkompanio) donos kontraŭ pago de la veturado laŭfluen senpage la veturadon en la kontraŭa direkto. La Fervojministerio de Ĉeĥoslovakaj Fervojoj konsentis doni al ĉiuj kongresanoj, kiuj veturos tra ĉi tiu lando al la kongreso kaj aŭ returnen, 25% rabaton; Neŭtrala Centro de Esperanto en Praha, s-ano Bloch, helpis atingi ĉi tiun sukceson. — Donu al ni instigojn.

**Avantaĝo por unuopaj** landoj: La Bulgara Ministro por Financoj promesis ebligi al 200 bulgaroj la partoprenon en la Kongreso, disponigante al ili po 5000 Levoj en ŝilingoj. Ĝis nun la bulgaroj ricevas ĉe vojaĝo eksterlanden po 300 Levojn. — Ni klopodas jam pri diversaj aferoj en aliaj landoj, por plimalkarigi al niaj kongresanoj la partoprenon. — Donu al ni instigojn, kiuj malhelpaĵoj ekzistas en la diversaj landoj!

**Radio**: Ĉiun semajnon ni disaŭdigas per Radio-Wien Esperantokurson merkrede de la 18 h 35 — 19 h kaj je la fino ni donas mallongajn informojn kaj ankaŭ respondas gravajn demandojn, ĝenerale interesajn ankaŭ por la aliaj. — Krome la 7. de novembro je la 22 h 40 parolos s-ano d-ro Engländer pri „Salzkammergut, la regiono de belaj lagoj", kiun la partoprenontoj de ekskurso A traveturos; la 21. de novembro parolos s-ano Gustav Weber pri „Linz, ĉefurbo de Supra Aŭstrio" je la sama tempo.

**Glumarkoj** en 5 koloroj 100 pecoj por 2 poŝtaj resp. kuponoj haveblaj. La unua eldono baldaŭ elĉerpiĝos.

**Kongresafiŝoj**: Ni sendas 2 kun 3 belegaj gvidiloj por 1 resp. kup.

**Varbnumero** por la kongreso de „Aŭstria Esperantisto" preskaŭ elĉerpita.

**Donacoj** al la kongreskaso: Ni kore dankas al s-anoj George Douglas Buchanan en Glasgov kaj al prezidanto de Lingva Akademio s-ro Maurice Rollet de l' Isle en Paris pro iliaj malavaraj donacoj.

**Esperanto-Strato**: Dum la Kongreso oni inaŭguros Esperanto-straton en Vieno. Dankon ni ŝuldas al la urbestro de Vieno s-ro Richard Schmitz, antaŭe Aŭstria Vickanceliero.

**Polico**: Por servi al la kongresanoj la Policprezidanto en Vieno instalis en la Polica Lernejo tri Esperantokursojn.

**Poŝto**: Por la sama celo ankaŭ la Ĝeneraldirekcio de Poŝtoj kaj Telegrafoj instalos nun kursojn en Aŭstrio.

**Poŝtkartoj oficialaj** kun bildoj kaj priskribo en germana, franca, angla lingvoj kaj en Esperanto baldaŭ nun aperos. Ni raportos ankoraŭ pri ili.

**Gazetservo**: Multaj E.-gazetoj jam raportis pri la 28-a. Ni petas, ke ili daŭrigu sian helpon kaj sendu po unu ekzempleron al LKK. — Sed ankaŭ en la nacia gazetaro jam aperis aro da grandaj artikoloj. Ni kore dankas al niaj helpemaj amikoj, kiuj sukcesis publikigi la artikolojn. Sed en ĉiu loko la samideanoj kaj grupoj klopodu, ke la gazetoj raportu pri la kongreso. Sendu afable al ni la koncernajn gazetojn por nia kolekto. Jam nun koran dankon! Vi multe helpos per tio, atentigante ne nur la samideanojn sed ankaŭ la grandan publikon pri la Kongreso kaj pri nia Esperanto-Movado.

**Kongreskartoj** estos pretaj meze de novembro kaj estos sendataj al ĉiuj pagintoj de la Kongreskotizo jam fino de novembro.

**Aliĝu baldaŭ**, vi per tio plifaciligos al ni la laboron kaj ŝparos al vi monon kaj havigos al vi avantaĝojn!

**LKK de 28. Univ. Kong. de Esp. en Vieno.**

## Fervojo kaj Esperanto.

**Ni publikigas reskripton, aperintan en la oficiala Bulteno de la Fervoj-Ministerio en Sofia la 18. de marto 1935:**

„Al ĉiuj fervojaj kaj havenaj servoj!

Permeso pri portado de insigno: N 1. 1 — 169 de 9. marto 1935. Aldone al la statuto pri la uniforma vesto de la oficistoj de Bulgaraj Ŝtatfervojoj kaj vaporŝipveturado, ĉapitro II-a § 25 al. 2-a „a" la ĉefa direktoro permesas la portadon ankaŭ de la Esperanto-insigno sur la antaŭa pinto de la kovrilo de le maldekstra poŝo al la Esp.-parolantoj kaj la membroj de Bulgara Esperantista Asocio.

Estro 1-a: Cekov".

Federacia Ministerio por Komerco kaj Trafiko
Ĝenerala Direkcio
por la administrado de poŝto kaj telegrafo.

Nombro 35.724/1935 — Wien, la 10-an de okt. 1935.

Aranĝo de Esperantokursoj por la poŝtistoj kaj telegrafistoj.

Al
1—4: la Direkcio de poŝto kaj telegrafo ĉiuj
5: la Direkcio de poŝto Wien.

Por ĉiuj: Por la konsidero je la 28-a Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en Wien en aŭgusto 1936, estas en speciala intereso de la servo, ke kiel eble plej granda nombro da poŝtistoj kaj telegrafistoj ellernu Esperanton.

Ni invitas vin sekve, kun rilatigo al la dekreto de la 14-a de novembro 1934, nombro 36.323/34

por 5: en interkonsento kun la Direkcio de telegrafo Wien

Por ĉiuj: denove por aranĝo de Esperantokursoj en Via regiono rekte ekrilati kun la Prezidanto de Aŭstria Esperanto-Asocio, Kortega Konsilanto **Hugo Steiner**, Wien, I., Neue Burg, Heldenplatz, laŭeble akceli la aranĝon de la kursoj, precipe per disponigo de konforma kursejo, kaj zorgi pri tio, ke kiel eble plej multaj el la koncernaj oficharantoj partoprenu en la kursoj.

Pri la efektivigo bonvolu raporti.
La Ĝenerala Direktoro
Steyskal.

## Granda sukceso en la komerco.

Ĉambro por Komerco kaj Industrio en Bucuresti, Rumanujo eldonis sian regulan ĉiujaran „Liston de komercaj reprezentantoj de Bucuresti". En ĉi tiu libro estas apartaj ĉapitroj en rumana, franca, germana, angla lingvoj kaj en Esperanto kaj ĉe ĉiuj komercistoj estas la artikloj menciitaj en ĉiuj supraj lingvoj. Ni kore gratulas.

## Prof. Prelato A. Dambraŭskas-Jakŝtas 75-jara.

La 27. de aŭg. nia litova pioniro festis sian 75-an naskiĝtagon. Lia nomo estas fame konata en la mondo. Li estas teologo, filozofo, profesoro, matemakisto, doktoro, poeto, verkisto, redaktoro, kritikisto ktp.

Li estas duobla Honora Doktoro de Litova Universitato en Kaunas, Lingva Komitatano, Honora Membro de Int. Esperanto-Muzeo kaj Honora Prezidanto de Litova E.-Asocio.

Li estas unu el la plej unuaj adeptoj kaj pioniroj de Esp. Li multe verkis en litova kaj rusa lingvoj kaj en Esp.: „Malgrandaj pensoj pri grandaj demandoj", „Esp. kiel scienca helpilo", „Pri novaj trigometriaj sistemoj", „Pri unu speco de kurbaj linioj . . .", „Unua Litova Esp.-lernolibro" kaj „Litova Almanako".

Mi persone konatiĝis kun nia altŝatata pioniro dum mia propagandvojaĝo en 1932 kaj havis la honoron esti la loĝ- kaj manĝogasto de lia prelata moŝto dum kelkaj tagoj.

Neniam mi forgesos ĉi tiun afablan, viglan kaj ĉiam helpopretan homon! Li vivu ankoraŭ longe je la bono de Litova E.-Movado, kies animo li estas!

Steiner.

## Dr. Zamenhof.

Rosa Wichurina Hybrida. Grimpanta rozo kun foliaro luma, densa, forta, mallume verda.

La floroj sufiĉe grandaj por grimpanta rozo formas bukedojn. Oni vidas tuj, ke »Doktoro Zamenhof« havas kiel antaŭulojn la rozojn el Hindujo. La koloro de la floroj estas karmenruĝa, flaviĝanta je la mezo de la petaloj. Tre distinga koloro.

La parfumo rememorigas tiun de la hindaj rozoj, ĝi estas forta, sed diskreta. La planto rezistas al la frosto. Ĝi nomiĝas laŭ D-ro Zamenhof, pola kuracisto, kreinta la lingvon internacian Esperanto.

(El »Listo de novaĵoj«,
Jan Böhm, Blatná, ĈSR.)

## Pri Malacca, Straits Settlements.

Malacca estas unu loko en la anglaj kolonioj en Azio. Kaj tie estas mia naskiĝloko. Proksime de Malacca estas Singapore Penang, Johore kaj Kuala Lumpur. La loĝantoj estas kelke da milionoj, el kiuj la plej granda parto estas la Ĉinoj. Kaj la gravaj produktaĵoj estas stano, kaŭĉuko, kokoso kaj ananasoj.

En la Malajo-Ŝtatoj kaj la Malacca-kolonioj la Esp.-movado estas tre infaneca. Nun ankoraŭ troviĝas nenia Esp.-grupo. **Jan Ĉaŭ Ĉen, Malacca.**

## 10 Konsiloj.

(El „Germana Esperantisto", N-ro 476).

1. Al neniu estu fidela, ankaŭ ne al via asocio. Alie vi eble povus esti estimata pro via fideleco!
2. Kotizojn pagu ĉiam nur post kelkfoja admono. Via asocio ja estas tiel riĉa, ke ĝi tute povus rezigni ilin!
3. Anticipe rifuzu ĉiun kunlaboron, kiun postulas de vi via grupestro. Per tio vi helpas plilongigi la vojon, kiu gvidas al la celo.
4. Neniun Esperanto-gazeton vi legu. Alie vi eble ekscius tro multe da novaĵoj kaj gravaĵoj el la movado.
5. Al neniu klarigu sencon kaj celon de Esperanto. Alie niaj malamikoj eble tro baldaŭ povus malaperi!
6. Volvu vin en profundan silentadon, kiam grupo petas vian subtenon en sia laboro. Alie la venko eble povus esti tro rapide la nia!
7. Grumblado kaj kritikado estu via ĉef-tasko. Kiel flankestaranto vi ja havas la rajton fari tion!
8. Ekzercvesperojn vi tute ne vizitu! Vi eble povus pliperfektiĝi!
9. Diru al la grupestro, kiam li petas vin al aktiva kunlaboro, ke vi ne havas tempon. Tiamaniere vi plej bone liberiĝas de ĉiu laboro!
10. Ne klopodn varbi unu el viaj gekonatuloj kiel subtenantan membron por via asocio! La asocio ja ne scius kion fari kun la multaj kotizoj!

Sekvante ĉi-suprajn konsilojn vi havos la plezuron vidi, ke via nomo en la „Ora Libro" de la Esperanto-movado — ne troviĝas!

**Aldoneblaj ankoraŭ 3 punktoj:**

11. Klopodu ĉiam ataki pro personaj kaŭzoj tiujn homojn, kiuj senlace laboras por Esperanto: vi helpos per tio, ke ili ne plu deziros labori.

12. Vian personan malamikecon ĉiam diskonigu inter viaj amikoj, por ke ili same agu, ankaŭ se ili ne konas la objekton de via malamikeco. Vi ja rajtas tion fari!

13. La pacifistoj inter ni ĉiam defendu unu partion kaj postulu de la aliaj, ke ĝi cedu pro „la bono de nia afero". Per tio vi multe helpos al neinterkonsento!

## Sukcesoj de Esperanto en Sovjetunio.

La Moskva landa konsilantaro de la profesiaj sindikatoj, al kiuj apartenas ĉiuj en Moskvo loĝantaj sovjetuniaj sciencistoj, profesoroj kaj ĉiuj sovjetlandaj eminentuloj, subtenas Esp.-on kaj ricevas de alilando multajn leterojn pri la kolektiva korespondado de fabrikoj kun alilandaj laboristoj. Tiuj alilandanoj, kiuj ne apartenas al la laboristaro, skribas al tiel nomata VOKS (Tutunuiĝa societo por la kultura interligo kun la alilando), Moskva-69, Malaja Nikitskaja 6 (Esperanto-fako), USSR.

Tiu ĉi societo helpas al ĉiuj sciencaj, komercaj artaj rilatoj de sovjetuniaj eminentuloj kun alilando. Krom tio ĉiuj registaraj institucioj uzas la servojn de la tradukantoj de VOKS, ili ne havas la proprajn tradukantojn. Tial ĉiuj alilandanoj povas skribi al ĉiu ajn sovjetunia registara institucio ĉu Esperante ĉu en ia alia lingvo kaj ili ricevos la respondon.

La direkcio de la scienca instituto Miĉurin (nomata laŭ la plej konata scienca ĝardengvidanto) ricevas grandan kvanton de demandoj en Esp. pri la vivo kaj laboroj de I. V. Miĉurin, Por la kontentigo de tiuj ĉi informpetoj la instituto preparas en Esp. la libron „Miĉurin — la kreanto de la novaj plantoj". La libro estos ilustrita per granda kvanto de fotografaĵoj. La instituto intencas dissendi ĝin al 50 landoj. La Akademio de Sciencoj eldonis la libron „La sciencaj laboristoj de Leningrad", inter kiuj estis presitaj la nomo kaj la adreso de la aŭtoro de ĉi tiu artikolo kiel de specialisto de uzado de Esperanto en la scienco.

La adreso de la Instituto de Miĉurin estas: USSR, Voroneĵa lando, urbo Miĉurinsk.

Vladimir Vladimiroviĉ Majnov, USSR, Leningrad-107, Usaĉev perenlok, domo N 11, ĉambro 44.

## La legendo pri la Sablomaro.

Trad. Haccou en Batoe, Malang, Ned Hindujo.

La dio de la vulkano Semeroe (elp. Smeru), ega giganto, havis ununuran filinon, kiun li tre amis, tiel ke li okaze ne permesus al ŝi edziniĝi; pro tio li ankaŭ malpermesis al ŝi forlasi la monton. En la malproksimo staris la vulkano Bromo. La dio de Bromo estis lia ĝismorta malamiko. Ĉiam kaj ree ĉi tiu ruinigis liajn kampojn per brulanta lafo..... Iun tagon, dum la dio de Semeroe troviĝis en sia subtera regiono, lia filino la ĉarmega Djoerangga (elp. Ĝuranga) ŝteliris el la monto kaj tie ŝi je sia miro renkontis Baksasa, junan giganton, kiu devis gardi la templon de Bromo.

Baksasa estis trafita pro la beleco de la princino de Semeroe kaj post nelonge li decidis fari edziĝopeton je ŝi. Djoerangga volonte konsentis tion, ĉar ŝi tre emis edziniĝi kun la juna bela giganto. Sed ŝia patro terure koleriĝis kaj tondregis, kiam li estis aŭdinta la edziĝopeton. Komence li tute malatentis ĉion rilate al la afero, sed kiam li aŭdis, ke Baksasa estas favorata de Brahma, la ĉefdio, li ne plu kuraĝis rifuzi senpripense. Li diris, ke li estas promesinta al la dioj sian filinon edzinigi nur je dia filo, kaj estas necese, ke Baksasa antaŭe estu provata, ĉu li vere estas dia filo. Tiu ĉi provo ekzistas en tio, ke li dum unu nokto faru sablan maron ĉirkaŭ la Bromo, mil futojn profunde kaj mil futojn larĝe. Se li povus fari tion antaŭ ol la kokoj krias Djoerangga estus al li donota kiel edzino. Se li tamen ne pretigus ĝin tiun nokton, tiam li ŝanĝiĝus je granda ŝtono. La sekvontan vesperon Baksasa estis komenconta labori; Djoerangga donis gigantan „batok" (t. e. kokosnuksan ĉerpilon) al li, per kiu li plenumos la egan taskon. Kiam la sekvintan vesperon la suno estis subiĝinta, Baksasa komencis ĉerpadi sablon per sia giganta kokosnuksa ĉerpilo kaj amasigis ĝin ĉirkaŭ Bromo. Li ne pensis eĉ momenton pri laceco kaj horojn seninterrompe li laboris kaj spiregis, ĉiam pensante al la bela Djoerangga, kiun li, se li kuraĝe eltenus, akirus kiel edzinon.

Kaj rapide kreskis la laboro. Horon post horo plialtiĝis la sablo ĉirkaŭ Bromo. Vasta maro de sablo estiĝis, kiu malebligos al Bromo, ruinigi la kampojn de dio Semeroe per brulanta lafo.

Sed kiuj tiun nokton ankaŭ maldormis, estis la dio de Semeroe kaj lia filino Djoerangga.

La terura dio, sidanta sur sia monto, vidis kun pliiĝanta emocio kiel la laboro de Baksasa senĉese progresis. Ĉu li vere devos cedi sian amatan filinon? Ĉu li vere devos perdi ŝin? La nokto jam estis finiĝanta, tamen la laboreganta Baksasa certe pretigos sian supernaturan taskon. Senspire la dio Semeroe streĉas siajn orelojn, ĉu li ne aŭdas kokokrion, sed ĉiuj kokoj en la vilaĝoj ankoraŭ dormis.

Tiam en sia angoro li kaptis trompaĵon kaj kiel eble plej forte li kriis tra la kampojn: Kukleku!! La kokoj en la vilaĝoj subite vekiĝis kaj responde kriis unu post la alia vete je forteco. Baksasa ankoraŭ ne preta kun sia laboro kun teruro aŭdis la kriadon de la kokoj. Plene de seniluziiĝo li forĵetis la ĉerpilegon, kiu ankoraŭ nuntempe kuŝas tie kiel ronda monteto.

Tiam li vidis Djoerangga teruriĝite rapidi al si: „kembang manis!" (floro dolĉa) li amoplene vokis al ŝi: „Mi vane laboregis, kara floro!"

Pro la teruro la knabino ŝtoniĝis kaj ŝanĝiĝis je monto tiel ankoraŭ nun nomata. Ankaŭ Baksasa ŝanĝiĝis je monto de la sama nomo. La dio de Semeroe timigite je puno de Brahma kaŝis sin en la monto. Tial oni kelkfoje ankoraŭ nun aŭdas lian subteran dolorĝeman grumblon.

## Literatura mondo.

Ĉiam la sama afero! Ankaŭ Literatura Mondo, nia sola literatura gazeto, inda reprezenti Esp.-on sur ĉi tiu kampo, suferas pro tro malmultaj abonantoj kaj devos por la venonta jaro tute transformiĝi. La eldonantoj devus eldoni jare nur 6 anstataŭ 12 n-rojn, duonigi la formaton, ne aparte eldoni „Lingvo-Libro" ktp., se ne almenaŭ 150 novaj abonantoj pagos ĝin. Ridinda nombro en Esperantujo! Aŭstrio kunhelpu, por ke L. M. restu en sia nuna formo. Unuopaj malnovaj numeroj haveblaj por sv. fr. —.40 ĉe Lit. Mondo, Budapest, 9. Mester-utca 53, V. 5.

## 2. Listo de la kongresanoj:

179. Schöpfer Franz, lerneja konsilanto, Voitsberg,
180. Aŭstreks (Aŭstria Esperanto-Komerco-Societo kune agentejo de KEU), Schruns,
181. Justesen, d-ro P. Th. Kaamanen, Finnlando,
182. Kapper Reinhold, inĝeniero, Tallinn,
183. Kapper Marta, Tallinn,
184. Painer Daisy, korespondistino, Tallinn,
185. Taft Alvene, bankoficistino, Tallinn,
186. Harabagiu H., Bucuresti,
187. Harabagiu Bucuresti,
188. Dietl, d-ro Wifh. E., ĉefŝtabkuracisto, Baden,
189. Suchard Ph. A. G., firmo, ĉokolado-fabriko, Bludenz,
190. Rollet de l'Isle, Maurice, prez de Lingva Komitato, Paris,
191. Goloversnik Josefa, Wien,
192. Schönrich Kurt, Wiesbaden,
293. Rousseau Célestin, apotekisto, Courbevoie-Bécon.

## Esperanto-Prüfungen.

Diese Prüfungen beginnen am 12. November um 8 Uhr früh mit der schriftlichen Prüfung im Gebäude der Bundeslehrerinnen-Bildungsanstalt in Wien, I., Hegelgasse 14. Die Prüfungsgebühr von S 20.— für die Lehramtsprüfung und von S 10.— für die Kenntnisprüfung ist vor Beginn der schriftlichen Prüfung im Prüfungsraume zu erlegen.

## Esperanto-laboro farita en Aŭstrio dum 1935.

### Daŭrigo.

39. Grossglockner-HochalpenstrassenA. G. eldonos en Esp. belan gvidilon en 3000 ekzempleroj.
40. Reskripto de Ĝeneraldirekcio de Poŝtoj kaj Telegrafoj al ĉiuj Poŝtdirekcioj en Aŭstrio koncerne Esp.-kursojn.
41. Reskripto de Policdirekcio en Vieno koncerne Esp.-kursojn.
42. Fervojministerio en Praha donis rabaton al la kongresanoj,

AEA kaj LKK. de 28-a.

## Maltrankvilo.

De Masao Niŝimura.

Lavange falas mi en valon maltrankvilan
Aŭdinte ke vi estas en malsanolito
La sango faras trakuradon la deliran
korbato freneziĝas jam sen intermito

Sidiĝas mi kaj penas sed ne trankviliĝas
korbato kontraŭ mia volo ja ribelas
kaj ni ekstaras kaj tuj baldaŭ mi sidiĝas
ventege maltrankvilo tute nin forpelas

El La Revuo Orienta, Tokio.

## Ĉiel-imago.

En feliĉiga monta sfer'
Min ravis suna tag' serena;
Dum mond', malsupre, estis plena
De hom-malamo kaj mizer'.

La montpintar' en hela brilornam'
Kun ter' ĉielon ŝajnis interligi
Por al homaro blinda jen sciigi
Pri Dia glor' kaj fort' de sankta am'.

Walter Mudrak

(okaze de suriro de Venet, (2500 m) nomita „Rigi de Norda Tirolo")

## La Malsaĝulo kaj la milito.

De Delarbaro

Malsaĝulo staras flanke de la vojo kaj vidas preterpasi armekorpuson kun lancoj kaj pafarmiloj,

La malsaĝulo: „De kie tiuj viroj venas?"

La popolo: „El la paco".

La malsaĝulo: „Kion ili faros en tiu milito?"

La popolo: „Ili mortigos la malmikojn kaj bruligos la urbojn."

La malsaĝulo: „Kial ili faros tion?"

La popolo: „Por fondi la pacon."

La malsaĝulo diris, ke li ne komprenas: viroj venas de la paco kaj iras al la milito, por fondi pacon. Kial ili ne restas en la paco?

Sed estas malsaĝulo, kaj tial li kredebie neniam komprenos tion.

El „Flandra Esperantisto, Kortrijk."

## Novaĵoj.

**Internacia** Foiro de Lyon eldonis 23 diversajn belajn fotovidaĵkartojn pri Lyon kaj la Foiro kun nura Esperanto-teksto kaj la invito „Vizitu la Lyon-an Internacian Foiron, 5. — 15. marto 1936.

**Firmo Arbogast Michler**, Dornbirn, Vorarlberg, varbas en Esp. por sia skribmaŝino Royal.

**„Oesterreichische Arbeiterzeitung-Wien"** aperigas recenzojn de Esp.-libroj en la rubriko: „Das Buch des Tages". S-anoj danku kaj gratulu.

**„Internacia Korespondo-Oficejo por geinstruistoj kaj gelernantoj"**, Berlin-Steglitz, Hühnensteig 8a kolektas la adresojn de geinstruistoj el ĉiuj landoj. Bonvolu vin anonci.

**Kolektantoj el la tuta mondo,** aliĝu al Kolektanta Rondo, klubo por kolektantoj ĉiuspecaj, **Drancy,** 30 Chemin Vert, Francujo. Kotizo 2 sv. fr. aŭ egalvaloro, por kiu vi ankaŭ ricevos la monatan bultenon „La Filatelisto Esperantista". Petu specimenon

Holanda E.-grupo organizas letervesperon je 20. dec. S-anoj sendu poŝtkartojn, leterojn, salutojn al la gvidanto kiu garantias respondon, C. Grol, Vyghst. 51, Nymegen, Holando.

## El la mezepoka „Physiologus".

Tradukita de d-ro W. Biehler, Graz.

### Pri la onagro.

Besto nomiĝas onagro, tio estas sovaĝa azeno. Ĝi ne bojas, petante manĝaĵojn, nur je la dudeka de marto ĝi bojas dekdufoje dumtage kaj dekdufoje dumnokte, per kio oni povas scii, ke tiam tago kaj nokto devas esti samlongaj. La onagro signifas la Malamikon; tago kaj nokto tiujn, kiuj devas juste agi tage kaj nokte.

## Kion vi ankoraŭ eble ne scias?

Red. Franz Vesta.

**Sun- kaj pluvombreloj** estis konataj en antikva Asirio kaj Ĥinujo jam 1200 jarojn antaŭ Kristo. La portugaloj uzis ilin en Eŭropo la unuan fojon en la 16. jarcento. Cramer (elp. Kramer), kiu eldonis en Nürnberg en 1724 vortaron, ne registras en ĝi la vorton „ombrelo" kaj tial oni devas supozi, ke en Germanlando tiam la ombrelo ne estis konata.

**La kamelo kiel transportilo** en la dezerto parte perdis sian iaman gravecon. Inter Damaskus kaj Bagdad transprenis ĝian taskon luksa aŭtobuso, movigata de Diesel-motoro; ĝi donas lokon al 32 personoj kaj estas komforte ekipita.

La **abel-reĝino** naskas dum 24 horoj 900 ovetojn; dum unu sola printempo kaj somero ĝi kapablas produkti 60.000 ovetojn.

## Lingvaj rimarkoj:

De D-ro Emil Pfeffer.

En la germana lingvo ekzistas verboj, kiuj esprimas en la sama formo agon aŭ staton, tio estas verbaj, havantaj transitivan aŭ netransitivan sencon. Tia vorto estas ekzemple la verbo **beginnen** (komenci) en la frazoj: **Die Arbeit beginnt** (la laboro komenciĝas) kaj: **Er beginnt die Arbeit** (li komencas la laboron).

Verŝajne sub la influo de tiaj verboj ankaŭ en la uzadon de kelkaj esperantistoj enŝteliĝis nepreciza diferencigado inter la transitiva aŭ netransitiva modo ĉe kelkaj esperantaj vortoj, kiuju ni citas ĉi-sube. En Esperanto, lingvo absolute regula, kies verboj povas esprimi aŭ agon, aŭ staton, sed neniam tiujn ĉi ambaŭ ecojn samtempe, la nomita uzado estas erara kaj ofte ankaŭ senc-konfuza, kiel montras la senkvantaj ekzemploj:

**Komenci.** Neĝuste: Kurso komencis kun 30 partoprenantoj. Korekte estas: Kurso komenciĝis, aŭ: estas komencita, aŭ: oni komencis kurson.

**Fini.** Ĉu kurso „finis" kun granda sukceso? Ne, ĝi finiĝis, aŭ: estis finita. Sed: Sinjoro N. finis la kurson kun granda sukceso.

**Amuzi.** Ni estis hieraŭ en la teatro kaj amuzis bonege. La nomita frazo estas neĝusta, ĝuste estas „amuziĝis." Pluraj ekzemploj: La knabo amuzis sin per belaj ludiloj; la sinjoro amuzis la tutan societon per rakontado de siaj humoraj aventuroj.

**Bani.** Neĝuste: Dum la ferioj ni banis preskaŭ ĉiutage. Ĝuste: „ni banis nin." La patrino banis sian infaneton, nun la infaneto estas jam banita.

**Situi.** Al tiu ĉi kategorio apartenas ankaŭ la ne-oficiala vorto „situi", moda vorto tre ofte, sed neĝuste, ĉar kontraŭ la spirito de ĉiuj vivantaj lingvoj, uzata en la stato-senco „kuŝi", anstataŭ en la agosenco „meti".

Neĝuste: La urbeto situas sur pentrinda altajo. Tiu homo situas bone.

Ĝuste: La urbeto estas situita sur pentrinda monteto. Aŭ: La urbeto kun situo sur . . . Homo bone situita.

Ekzistas ankoraŭ pluraj similaj vortoj, sed la ĝisnunaj sufiĉas jam por demonstri. ke en ĉiu verbo esperanta enestas klara kaj fiksita gramatika karaktero kaj ke sekve la verbomodoj en Esp-o neniel devas esti intermiksataj.

## Spritaĵoj.

### Interpuŝiĝo.

Per zigzag-movado ŝanceliĝas ebriulo trans la straton. La sekvo estis, ke li interpuŝiĝis kun biciklisto. Ambaŭ falegas teren. Rapide sin levinte de la pavimo, ili komencis disputi:

